ITALA FERVOJISTO - Informa Bulteno 1

L'ESPERANTO E' UNA VIA ALLA PACE,
PER TUTTA L'UMANITA',
COSI' IN 'CIELO' COME IN TERRA.
BUON NATALE E FELICE ANNO NUOVO
A TUTTI GLI UOMINI
DI BUONA VOLONTA'.



ESPERANTO ESTAS PACVOJO,
POR LA TUTA HOMARO,
JEN 'ENĈIELE', JEN SURTERE.
BONAN KRISTNASKON KAJ
FELIĈAN NOVJARON AL ĈIUJ
HOMOJ DE BONA VOLO.



## BONDEZIROJ

La estraro de ITALA FERVOJISTA ESPERANTO ASOCIO (I.F.E.A) kaj la redakcio de "ITALA FERVOJISTO", varme bondeziras feliĉajn Kristnaskon kaj prosperan Novjaron al ĉiuj membroj kaj simpatiantoj de nia Asocio; korajn bondezirojn ankaŭ al la Estraro de la INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I.F.E.F.) kaj al la tuta Anaro kaj Legantaro el ĉiuj Landoj.

## COMUNICATO DEL CASSIERE

Le quote sociali per il 1986 sono le seguenti:

- adesione all'IFEA, IFEF, FEI ed UEA con abbonamento alla rivista "L'ESPERANTO-FEI": L. 22.000 annue (14.500 per i giovani fino a 21 anni e per i familiari);
- adesione solo all'IFEA ed IFEF (per quei soci che pagano le quote alla FEI ed UEA direttamente o tramite i Gruppi Esperantisti locali): L. 7.000 annue.

Si pregano vivamente i soci che ancora non hanno pagato le quote per gli anni precedenti e continuano a ricevere il Bulteno, di trasmettere al più presto dette quote, da noi già versate alle Associazioni di cui sopra, oppure di inviare avviso di disdetta, per poterci regolare e non pagare per il 1986.

Ferrovieri! Aderite all'IFEA: versate subito le quote per il 1986!

Sostenete l'Esperanto e le sue Associazioni!

Per agevolare i versamenti si allega un bollettino di c/c postale intestato:
IFEA = Via D.Creti, 61
I-40128 BOLOGNA = n.19336403.



45-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



CARTAGENA 5-9 julio 1985

## HISPANAJ LABORADAS

Nunjare la Hispana Kongreso de Esperanto (la 45-a de la serio) okazis en Cartagena (sud-orienta parto de la lando, haveno ĉe la Mediteranea marbordo), de la 5-a ĝis la 9-a de julio 1985-a.

La Kongreso estis kiel kutime okazo por varmege propagandi nian lingvon. Ankaŭ niaj Hispanaj kolegoj partoprenis en ĝi,

gvidataj de la eks-prezidanto de "H.E.F.A." (Hispana Esperanto Fervojista Asocio-landa sekcio de I.F.E.F.) S.ro Ramon Gimenez Feliù, tre konata en niaj IFEF-Kongresoj.

Por solenigi la Kongreson oni eldonis seriojn de belegaj ilustritaj kartoj, tre trafaj, kaj glumarkoj. Ankaŭ la 21-a Kataluna Kongreso de Esperanto kiu okazos de la 31-a de oktobro ĝis la 3-a de novembro 1985-a en Sant Cugat del Vallés tre trafe propagandas Esperanton per serio da belegaj bildkartoj.

Tamen la plej rimarkindaj okazoj por disvastigi la Esperanto-konatiĝon estis la inaŭguro de kvar Esperanto-stratoj kun la nomo "Calle del Idioma Esperanto" (en la ĉeesto de la Urbestroj kaj aliaj urbaj Konsilantoj) en Cartagena kaj en aliaj tri urbetoj dum la tuttaga ekskurso de la kongreso dimanĉe la 7-an de julio.

Rimarkinde ke en Cartagena naskiĝis la Maristo Isaac Peral (1851+1895), inventisto de la unua submara ŝipo nomita "Submarino Peral". Kopio de ĝi troviĝas subĉiele elmontrita en la haveno de Cartagena. En la bildkartoj oni vidas la submaran ŝipon kaj la havenon, kiuj aperas ankaŭ sur la porokaza stampo, bedaŭrinde ne uzita oficiale de la poŝto.

Germano Gimelli






REMEMORO DE COSTANTINI

Novaj malplenoj en la vicoj de la malnovaj Italaj Esperantistoj:

En la monato julio 1985-a forpasis Rag. (Librotenisto) Leone COSTANTINI kaj sia edzino Luigia LOSSANI, kiu mortis post kelkaj tagoj de li kaj dum multaj jaroj kunlaboradis kun li. Nun ili ripozas kune.

La geedzoj Costantini estis fervoraj geesperantistoj; ni volonte skizas ilian aktivecon.

Leone Costantini estis Fondinto kaj Prezidanto de G.E.V. (Gruppo Esperanto Verbania). Delegito de U.E.A., sindediĉis dum la tuta vivo al instruado kaj disvastigado de Esperanto.

Li dum 40-jaroj laboris ĉe la "Banko de Romo" en Milano kie atingis la altan postenon de Vic-Direktoro.

Ni persone memoras iun simpatian renkonton kun geedzoj Costantini: ĝi okazis en Moskvo dum la jaro 1977-a ĉe la Internacia Hotelo por eksterlandanoj. Ni vojaĝis karavane al Ruslando kune kun trideko da personoj de tuta Italio grupigitaj de "Dopolavoro Ferroviario" de Bolonjo.

Kiam ni atingis la enirsalonon de la granda hotelo, dum ni atendis ricevi la ŝlosilon de la ĉambro, aŭdis babiladi en Es

peranto: estis Leone Costantini kun amiko Giorgio Legori kiuj adiaŭis tri geesperantistojn Moskva-anojn venintajn por saluti la Italajn Esperantistojn, kiuj atendis la aŭtobuŝon al la flug-haveno.

Ni, nur intersanĝis kelkajn vortojn kaj devis tuj kunporti la valizojn en la ĉambron. En la lifto ni renkontis S-inon Costantini kiu ne rekonis nin: Ni intence kaj ŝerce, inter ni, diris itallingve: "Tiuj Esperantistoj estas disvastigataj tra la Mondo". Ŝi estis preskaŭ ŝokita aŭdante paroli pri Esperanto en sia lingvo. Fine ŝi rekonis nin, kiuj ankaŭ adiaŭjs la Italojn forveturantajn kaj poste restis en aparta saloneto por babili kun la tri kleraj Esperantistoj: Doktoro kaj du fratinoj ambaŭ Inĝenierinoj, sub la mirigitaj okuloj de la aliaj Italaj kunvojaĝantoj.

Delvina kaj Germano Gimelli





A.E.C.

## A.E.C. - INFORMOJ

La revuo ESPERANTO FERVOJISTO de la Franca Fervojista Esperanto Asocio (F.F.E.A.) n.431 - aŭgusto/septembro 1985, publikigis la sekvantan artikolon de la Prezidanto de la Franca Sekcio de A.E.C.:

## SENĜENAJ DIROJ PRI DU FERVOJISTAJ ASOCIOJ

En la daŭro de multaj jaroj la Eŭropa Fervojista Asocio (Association Européenne des Cheminots = A.E.C.) kaj la Franca Fervojista Esperanto Asocio = F.F.E.A., apudiris neniam renkontiĝante unu la alian.

De tri jaroj, dank'al kelkaj direktantoj de ambaŭ asocioj, volo de kunlaborado aperis: "Eŭropanoj" (membroj de A.E.C.) lernas Esperanton, kaj F.F.E.A.-anoj iĝis "Eŭropanoj".

Mi pensas, ke tiu interproksimiĝo estis neevitebla, tial ke unu el la du asocioj konstituas la celon de ago, kaj la alia proponas la rimedon por atingi ĝin.

Fakte, kial lerni Esperanton sen celo? Kaj kiel la "Eŭropaj Fervojistoj" sukcesos kompreni sin reciproke? Sen komuna lingvo? Ambaŭ asocioj estas do komplementaj, kaj aliĝi al unu asocio devus aŭtomate altiri al la alia grupo.

Doktoro Zamenhof kredis al la pli-proksimiĝo de la homoj en la tuta mondo per la lingvo Esperanto; bedaŭrinde, pro la ŝtata estriĝo super la popoloj en iuj nacioj, civitanoj, en la koncernaj landoj, ne povas libere esprimi sian deziron de amikeco kaj de frateco.

Sed interne de "Eŭropo konsistanta el la dudek unu landoj reprezentataj en la Eŭropa Konsilio", la libereco, kiu ebligas iri, veni, esprimi sian penson, grupiĝi, defendi sin, ekzistas tia, kian antaŭvidis la De

klaracio pri la Homaj Rajtoj.

En tiu eŭropa sociala spaco, la homoj povas libere renkontiĝi, esprimi siajn ideojn, kune vivi, kaj tiamaniere disvolvi inter si la amikecon kaj la fratecon.

Tiaj homaj kontaktoj kreos, disvolvos, laŭmezure kiel pasas la tempo, "Eŭropon de la Viroj kaj de la Virinoj" en kiu la paco estos la rezulto de tiu homa asocio.

Penas por trafi tion la Eŭropa Fervojista Asocio; kaj pro la kialoj ĉi supre indikitaj, ĝi devis limigi sian agon ĉe la landoj, kie floras la libereco.

Niaj "Eŭropaj Tagoj", niaj kongresoj celas vivigi kune, dum kvin aŭ ses tagoj, ĉiujn "Eŭropajn Fervojistojn": ĉu ESPERANTO ne estas la rimedo por ke ili pli bone komprenu sin reciproke?

La vojo al nia idealo estas longa, sed kune ni devas iĝi pli fortaj, kaj akceli la alvenon de nia espero: "la kreado de nova lando". Eŭropo, humane kaj ekonomie forta, lando de paco en kiu la eŭropaj loĝantoj de deveno... (Franca por ni!) vivos feliĉaj.

Por atingi tian rezulton mi invitas la fervojistajn esperantistojn persisti en siaj klopodoj, kaj, plie, kuniĝi kun la Eŭropa Fervojista Asocio (AEC).

Sama alvoko aperos en venonta gazeto "Fer-Europ", destine al la Eŭropaj Fervojistoj por ke ili iru al F.F.E.A. cele lerni Esperanton.

Mi tutkore esperas, ke la fervojistoj de ambaŭ asocioj komprenos la intereson de efektiva kaj sincera kunlaborado.

Gilbert Bastide





UNA LINGUA PER L'EUROPA

Il 31 ottobre u.s., organizzato dalla Sezione Compartimentale A.E.C. di Roma, si è svolto un dibattito sul tema "Una lingua per l'Europa", caratterizzato da interventi di alto livello. Erano presenti due dei tre rappresentanti dei partiti che hanno accettato di costituire il Comitato che dovrà affrontare il problema linguistico europeo: l'on. Sergio Ercini, della Democrazia Cristiana e l'ingegnere Giorgio Ferrari del Partito Liberale, mentre l'on. Angelo Cresco del Partito Socialista Italiano, terzo membro del Comitato, ha dovuto assentarsi per precedenti impegni.

Relatori il Dr. Alberto Menabene, socio A.E.C., per la lingua Esperanto ed il Dr. Giovanni Antonucci per la lingua inglese.

Il Segretario Compartimentale di Roma, Antonino Pistoia, ha ringraziato i presenti per

la partecipazione ed ha messo in evidenza la necessità dell'A.E.C. di risolvere il problema linguistico nel proprio interno per semplificare i rapporti tra soci di sezioni diverse, concetto ribadito, poi, dal Segretario Generale della Sezione Italiana A.E.C., Dr. Vincenzo Fragolino -moderatore del dibattito- che ha ritenuto possibili, a suo parere, due soluzioni: un atto che sancisca l'utilizzo, o della lingua inglese, o di una lingua neutrale e soprannazionale quale è l'Esperanto.

Il Dr. Menabene ha esordito citando la situazione belga, dove due comunità, la vallone e la fiamminga, non riescono a costituire un popolo "belga" a causa del fatto linguistico e si è chiesto se non sia il caso di impegnarci per evitare -nell'Europa integrata di domani- che non si ripresenti -aggravato- l'esempio del Belgio di oggi, adoprandoci per l'adozione di una lingua comune.

Il Dr. Antonucci ha convenuto sull'urgenza dell'adozione di una lingua ufficiale europea, sostenendo l'opportunità di accettare l'inglese per la diffusione già raggiunta e le intrinseche caratteristiche alla base di detta diffusione, riconoscendo, tuttavia, il pericolo che l'uso dell'inglese, da lingua ausiliaria, debordi sino alla sostituzione di quelle nazionali. Ha contestato l'utilizzabilità dell'Esperanto in quanto lingua artificiale, priva di retroterra culturale.

Menabene, replicando, ha ricordato che, sia il Nynorsk (una delle due lingue ufficiali della Norvegia), sia la lingua della Repubblica Indonesiana, entrambe artificiali, appena adottate sono divenute vive e naturali. Circa l'Esperanto ha affermato che si tratta di lingua pianificata, che ha acquistato un notevole valore letterario.

L'on. Sergio Ercini, europarlamentare, ha riconosciuto l'enorme importanza dell'argomento e, nel sottolineare l'insostituibile funzione svolta dalle lingue nazionali, ha evidenziato anche il ruolo che l'Esperanto potrebbe assumere in futuro.

Antonucci ha, poi, contestato l'importanza della seconda lingua ufficiale norvegese affermando che la produzione letteraria da essa originata non ha raggiunto un alto livello così come per l'Esperanto, a differenza di quanto viene constatato per le lingue nazionali che svolgono azione unificante.

Menabene ha affermato che l'azione unificante deve manifestarsi a livello di masse popolari e che l'inglese, proprio in tale funzione, mostra il suo completo fallimento come è riscontrabile negli stati del Commonwealth, uniti da questa lingua, che non rivelano alcun segno di integrazione politica e nell'Irlanda del Nord che vorrebbe separarsi dalla Gran Bretagna. Se ne conclude che le lingue nazionali accentuano o conservano il sentimento nazionalistico, mentre occorre una lingua unificante che favorisca,

nei popoli europei, il sorgere di un comune sentimento sovrannazionale.

Antonucci ha contestato l'attinenza del separatismo irlandese col fatto linguistico, attribuendolo, invece, ad altre cause ed ha sostenuto che le comuni sanzioni contro il Sudafrica rivelano segni di integrazione politica fra gli stati del Commonwealth.

Sono, poi, seguiti gli interventi del pubblico.

L'ing. Ferrari ha dichiarato il grande interesse del proprio partito verso il problema linguistico, evidenziato nella nomina di un rappresentante nel Comitato interpartitico.

Pistoia ha sostenuto che l'inglese creerebbe discriminazioni a favore di un gruppo di popoli e a danno di altri. Aquilina ha affermato che è solo per interesse pratico e non per valore letterario che l'inglese viene studiato. Famel, dell'Ambasciata di Francia, ha detto che le lingue nazionali vanno studiate per il loro patrimonio di cultura e tradizione.

Tutti hanno riconosciuto la grandissima importanza del tema trattato ed auspicato che l'Associazione Europea dei Ferrovieri, subentrando al ruolo svolto sin qui dal Dopolavoro Ferroviario di Roma, stimoli il Comitato interpartitico ad operara in seno al Parlamento Europeo, giacchè l'esperienza ha dimostrato che solo i ferrovieri, rappresentanti autentici delle masse popolari, hanno compreso l'importanza del problema ed hanno titolo per seguirne l'evoluzione.

Antonino Pistoia

---o---

AMIKOJ!
ENSKRIBIĜU AL LA A.E.C.!
ENKONDUKU ESPERANTO-N
EN LA A.E.C.!

---o---



**INVITO**
**AL 38a I.F.E.F. KONGRESO**
**17-23a DE MAJO 1986**
**SKOPJE JUGOSLAVIO**

KARAJ GEAMIKOJ,
ESTIMATAJ GEKOLEGOJ,

Vi el foraj kaj vi el najbaraj landoj, vi el orientaj, okcidentaj, nordaj kaj sudaj regionoj; al vi ĉiuj estas direktitaj ĉi-tiuj invitaj vortoj. Al vi kaj viaj familianoj kaj kompreneble, al ĉiuj aliaj esperantistoj kaj homoj de bona volo kiuj emus pasigi unu semajnon inter centoj da samtiaj homoj,

ĝuante agrablan babiladon sed ankaŭ seriozan diskutadon pri fakaj fervojaj temoj, turismajn ekskursojn, seriozajn artajn prezentadojn, renkontiĝojn kun malnovaj amikecoj...

Ĉion tion kaj multon alian (dependas ankaŭ de vi mem) ofertas makedona ĉefurbo SKOPJE kie inter la 17-a kaj la 23-a de majo 1986 okazos la 38-a IFEF-Kongreso. Do, ofertigas nova ebleco por refreŝigi memorojn pri pasintaj tagoj kaj sub malavaraj radioj de la suda suno denove doni manon unu al alia, denove dum unu semajno krei tiun neforgeseblan seninterrompan ĉenon de homoj el diversaj nacioj parolantaj la saman linvon Esperanton kaj apartenantaj al la sama profesio - fervojo. Tiu ĉeno estu precipe forta en la jaro kiu sekvas, ĉar ĝi estas flanke de UN proklamita JARO DE PACO kaj peramasa partopreno en la Kongreso, ni esperantistoj montru ankoraŭ foje pacaman karakteron de nia movado.

Ni, Jugoslavoj invitas jam la trian fojon kongresi en nia lando, ĉi foje en nia la plej suda respubliko-Makedonio. La unuan fojon tio estis en Rijeka 1957 kun ĉ. 450 gekolegoj, la duan fojon en Maribor 1971 kun pli ol 700 geamikoj. Multaj jaroj pasis intertempe, multaj aferoj ŝanĝiĝis, sed unu homa trajto restis certe neŝangebla: la scivolemo pri novaj pejzaĝoj, novaj renkontiĝoj, novaj amikecoj... Do, ni superu tiujn nombrojn.

Kredu min, geamikoj, ni estas pretaj fari ĉion eblan por agrabligi vian restadon en Skopje (la naturo jam pli frue faris multon). Ne nur esperantistoj - fervojistoj, la tuta urbo atendas vin kun malfermita gastama koro, dezirante al vi ĉiuj sinceran amikan BONVENON!

Venu, vidu kaj vi neniam forgesos tion.

Sincere via,
Mgro Gvozden Sredić
prezidanto de JAFE

## 38a IFEF-KONGRESO

17 — 23a DE MAJO 1986, SKOPJE, JUGOSLAVIO

»FEROTURIST« p. f. 270
str. »K. J. — Pitu« b. b.
YU 91000 SKOPJE, JUGOSLAVIO

Tlx: 51201 YU FERTUR
Tlf.: (091) 235-643

Bank-konto por dinaroj 40100-601-2848 FEROTURIST — Skopje
Bank-konto por valutoj 40100-620-16-25730-80 FEROTURIST, STOPANSKA BANKA — SKOPJE — JUGOSLAVIO

17-23 V 1986



**Kiel aliĝi?**

La plej simpla afero: plenumi aliĝilon (prefere: preslitere aŭ maŝine) kaj sendi ĝin al LKK, laŭ indikita adreso. Se vi ne havas originalan aliĝilon, bonvolu peti ĝin de LKK, sed vi povas uzi ankaŭ samformatan paperon aŭ kopion de la originala aliĝilo. La plej grava afero estas, ke LKK disponu, kiom eble plej frue, pri viaj bazaj datoj kaj deziroj, kun via subskribo.

Se vi ankoraŭ ne povas decidi kie loĝi (aŭ kiom da noktoj), bonvolu simple sendi aliĝilon sen ĉambromendilo. Tiun alian dokumenton vi povas sendi poste. Sed atentu: kiu rapide agas — plej bone agas. Do, prefere tuj mendu deziratan ĉambron kaj hotel-kategorion, ĉar iuj kategorioj povas rapide elĉerpiĝi.

**Kiel pagi?**

Ankaŭ tio estas tute simpla afero: ĉiu regula maniero estas bona, ĉu per poŝto aŭ per la banko (sed ni preferas tiun lastan). Do, neniukaze sendu monon en simplaj aŭ eĉ registritaj leteroj. Pri viaj pagoj kaj mendoj LKK sendos al vi kvitancon. Oni povas pagi ankaŭ pli ol necese: LKK faros finkalkulon post via alveno kaj vi ricevos vian bonhavon sen problemoj (nur en dinaroj, laŭ la ŝanĝ-kurzo valida je tago de via alveno).

La pagoj okazas kompreneble ne en dolaroj sed en via propra nacia valuto: belgaj, francaj aŭ svisaj frankoj, germanaj markoj, kronoj ktp. La sumoj indikitaj en dolaroj estas nur orientiĝo, do, oni pagas fakte egalvaloron en la nacia valuto (aŭ en dinaroj okaze de la alveno — escepte kongres-kotizon kaj ĉambroperadon, kiu inkluzivas ankaŭ bankan provizion, kaj tiuj sumoj devas esti pagataj anticipe).

**Kiel korespondi?**

Kompreneble en bela kaj klara Esperanto. Prefere evitu registritajn leterojn, normalaj leteroj estas la plej simpla solvo. Se vi nepre volas havi iun apartan respondon de LKK, bonvolu — se eble — aldoni al via letero internacian respond-kuponon. Ni ripetas: se eble, ĉar LKK ĉiukaze tuj respondos al ĉiu demando.

**Kiel vojaĝi al Skopje?**

Plej simpla solvo estas kompreneble la fervojo. Rektaj trajnoj el eksterlando al Skopje ekzistas el Munkeno (Acropolis je la 8.16), el Dortmund (Hellas Express je la 11.20 (Munkeno je la 21.38) kaj el Venezia (Venezia Express je la 16.55).

Krom tio ekzistas pluraj rektaj trajnoj el Jugoslavio. Ekzemple:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Ljubljana, for je la | | | | | 0.15, | 5.35, | 13.55 |
| Zagreb, for je la | | | | | 2.55, | 8.30, | 17.00 |
| Beograd, for je la | 9.25, | 9.50, | 14.25, | 14.35,' | 21.50 | 23.45, | 23.55 |

Atentu, atentu: kiel vi certe jam scias, la kongresa karto validas kiel senpaga bileto de la unua klaso sur la tuta reto de Jugoslaviaj Fervojoj (atentu la punkton 9. de ĝeneralaj instrukcioj!) Por la dumnokta veturo ni rekomendas uzon de rektaj dorm kaj kuŝ-vagonoj kun jenaj prezoj en dinaroj po lito:

| De | kupeo | | | | |
| --- | --- | --- | --- | --- | --- |
| | unulita | dulita | trilita | 4-lita | 6-lita |
| Ljubljana | 3.940 | 1.566 | 1.124 | 699 | 461 |
| Zagreb | 3.770 | 1.499 | 1.062 | 699 | 461 |
| Beograd | 2.835 | 1.155 | 816 | 699 | 461 |

Kompreneble, la prezoj povas intertempe ŝanĝiĝi, sed la eksterlandanoj profitos ankaŭ kurzo-ŝanĝojn (se ili aĉetas biletojn en Jugoslavio) kaj la diferencoj ne povas esti grandaj.

LKK iniciatis aldonon de kroma kuŝ-vagono de Munkeno al Skopje al jenaj trajnoj:

— Acropolis, vendredon, la 16-an de majo, ekiro je la 8.16 (alveno al Skopje, sabaton, la 17-an de majo je la 8.33);

— Hellas Express, ĵaŭdon, la 15-an de majo, ekiro el Munkeno je la 21.38 (alveno al Skopje, sabaton, la 16-an de majo je la 22.02).

Pri la finrezulto de tiu klopodo ni informos vin ĝustatempe pere de la gazetaro aŭ per nova Informa bulteno. Aldono de kromaj kuŝ-vagonoj por la reveno dependas de la intereso de kongresanoj.

Se vi volas flugi al Skopje, ni rekomendas al vi fari tion trans Beograd kiu havas plurajn ĉiutagajn flug-koneksojn kun Skopje.

Se eble, bonvolu indiki la daton kaj horon (trajnon aŭ flugon) de via alveno al Skopje.

**Fakprelego**

Por la fakprelego ni elektis jenan temon: »Transporta merkato de facile pereemaj varoj — komuna aktiveco de eŭropaj fervojoj en kadro de la societo INTERFRIGO«. La aŭtoro estas mgro Gvozden SREDIĆ, bone konata al nia faka publiko pro pluraj publikiĝajoj kaj prelegoj.

**Atentu, atentu: ekskursoj**

LKK decidis savi iom da via mono: la dimanĉa duon-taga ekskurso estas senpaga! Krom la vidindaĵoj de la urbo Skopje mem, oni vizitos ankaŭ ĝian ĉirkaŭaĵon: preĝejojn, monaĥejojn, kanjonon de la rivero Treska kaj restaĵojn de la antikva urbo Skupi, detruita per la katastrofa tertremo en la jaro 518.

Cetere: la kongresa karto validas kiel senpaga bileto por la urba trafiko kaj senpaga enir-bileto por ĉiuj muzeoj kaj art-galerioj de Skopje.

La duon-taga ekskurso (mardon, la 20an de majo) havos kiel celon antikvan urbon Stobi kaj sennombrajn vinberejojn de TIKVEŜ en kies keloj oni havos okazon gustumi bonegajn (sed malmultekostajn kaj tut-certe naturajn) vinojn: »kratoŝija« (ruĝa), »belan« (blanka) k.a.

»La perlo« de nia ekskursa aktiveco estos lago de OHRID kie oni povos favore aĉeti ankaŭ verajn perlojn! Tiun ekskurson ((ĵaŭdon, la 22an de majo) ni planas fari parte per trajno (ĝis la urbo KIĈEVO) kaj parte per busoj. Detalojn pri tiu nepre vizitinda ekskurscelo ni aperigis en nia INVITO. En ĉiu buso troviĝos lerta ĉiĉerono kaj — surprizo (kiun malkovros kompreneble nur partoprenantoj).

**Nia slogano**

La 38a IFEF-kongreso okazos, kiel konate, en la jaro kiu estas flanke de UN proklamita kiel internacia JARO DE PACO. Pro tio ni elektis jenan kongres-sloganon:

**FERVOJO KAJ ESPERANTO — PONTOJ DE PACO**

En tiu senco ni klopodos prepari apartajn programerojn. Se vi havas iun interesan ideon pri tiu temo, bonvolu senhezite komuniki ĝin al LKK, kiu prizorgos ĝian realigon (en kadro de objektivaj eblecoj).

**Glumarkoj**

Glumarkoj estas mendeblaj ĉe LKK. La prezo: 5 pecoj por unu dana krono (DKK) aŭ egalvaloro, pagebla ekzemple kune kun la aliĝkotizo aŭ je alveno en Skopje.

**Postkongresa programo**

Fervoja pasaĝera agentejo FEROTURIST (kiu teknike prizorgas nian kongreson) ofertas al vi plurajn alternativojn de unu kaj dusemajna post-kongresa programo. Ekzistas eblecoj sub tre favoraj kondiĉoj viziti le plej interesajn lokojn eu Jugoslavio (surbaze de senpaga vojaĝbileto).









SKOPJE

ALLA SCOPERTA
DEI CONSIGLIERI I.F.E.A.

--------

Il Segretario Nazionale
e l'attivita' del primo anno

--------

Cari Colleghi ed Amici, e' passato poco piu' di un anno dalla mia nomina a Segretario Naz.le IFEA con l'insediamento dell'attuale Comitato Esec.vo.

Da allora ci siamo sforzati di seguire con la massima cura i vari aspetti della ns/ attivita' di ferrovieri esper.sti.

Questa e' la prima volta che vi parlo direttamente. Invitato ad inaugurare questa rubrica, a parlare di me, penso sia utile e doveroso tracciare un breve autoritratto, almeno per coloro che non mi conoscono personalmente. Lo faro' seguitando subito con cose che ci premono di piu'.



Sono esperantista dal 1957 e ferroviere dal 1962, in servizio a BO nello Staff del Direttore Compartimentale. Diploma di Ragioniere, Laurea in Scienze Sociali, Cavaliere della Repub.ca Ital.na. 44 anni, ammogliato, senza figli. Da anni tengo corsi di Esperanto presso il Dopolavoro Ferroviario, in cui sono 'Responsabile' (cioe' Pres.te) del Gruppo Esperanto, inoltre curo una rubrica fissa di Lingua Internazionale sul giornale del DLF: 'TEMPO LIBERO Sotto le Due Torri', (18.000 copie). Sono VD e FD (Fervojo / Sociologio) UEA in Bologna, exPres.te del Gruppo E-ista Bol-se 'A. Tellini'. Da anni partecipo ai Congressi I.F.E.F., spesso con funzioni di Komitatano.

Passando alla nostra attivita', sono contento e grato di poter contare sulla grade collaborazione degli altri componenti il Comitato Esecutivo I.F.E.A. e credo di poter dire che insieme abbiamo sviluppato diverso lavoro.

Circa la consistenza numerica degli Associati, l'anno passato, a fine ottobre, avevano versato la quota sociale 1984 90 soci, contro un molto piu' lungo elenco di nomi. Quasi tutti hanno poi regolarizzato, per cui i soci 1984 sono diventati 134.

Nel 1985 la situazione e' ancora migliorata, avendo avuto altre nuove iscrizioni: oggi siamo 183 e qualche 'vecchio' Socio deve ancora aderire ai ns/ appelli. Questo buon incremento ci permettera' di meglio organizzarci e (perche' no?) di valorizzarci un po' di piu' anche in sede internazionale.

Come sapete la nostra e' la piu' ampia 'Fak-Kategorio' del Movimento in genere, ed anche in Italia. Era logico percio' che iniziassimo anche presso la FEI un'azione, (mai intrapresa prima) per essere piu' rappresentati.

La decisione presa a Venezia l'1/9 e approvata dall'Assemblea IFEA in Grado il 7/9/85, ha prodotto gli effetti sperati: possiamo contare su 3 Consiglieri FEI e io stesso sono risultato primo non eletto. Abbiamo anche presentato alcune nostre osservazioni, richieste di chiarimenti e critiche, durante l'Assemblea generale FEI di Grado, esposte con civismo e dettate da legittime preoccu




pazioni dovute alle molte lacune della Relazione e del Bilancio, specie in relazione alla forte diminuzione dei Soci e dei Gruppi FEI. .Esse spesso non hanno ottenuto risposte soddisfacenti da parte dell'Estraro, ma hanno trovato vasti consensi, reazioni infinitamente diverse da come il ns/ operato e' stato presentato in una relazione sul Congresso di Grado apparsa di recente. Cio' non importa; noi siamo sicuri di avere agito in perfetta 'sincerita'' e confortati dalle approvazioni all'unanimita' dei Consiglieri e Ospiti di Venezia e di tutti i Soci presenti a Grado all'Ass.blea IFEA.

In quelle sedute sono state messe a punto diverse proposte operative, prima fra tutte la presentazione di un 'Piano di attivita'' IFEA, che alleghiamo, per far nascere nuovi Gruppi di Ferrovieri Esperantisti presso i DLF dove ancora non esistono, che noi gia' stiamo tentando di attuare (ci sono trattative per questo in 5 citta') e che abbiamo ritenuto di proporre come traccia operativa a tutta la FEI, nel tentativo di riuscire a dare una sede a quei gruppetti di E-isti che stentano a far partire un'attivita' locale soddisfacente, la cui Assemblea ha accolto e approvato per acclamazione.

Anche altre ns/ proposte: 1) esigenza della presentazio-




ne di un bilancio preventivo; 2) esigenza della costituzione di un Collegio dei Probi-Viri, hanno ottenuto pareri favorevoli ed in parte gia' accoglienza. Altre proposte faremo: non ci mancano le idee.

Taluni hanno forse travisato le ns/ intenzioni, distorcendo anche l'evidenza; forse per distrazione, o forse per paura di qualunque novita'. Se lo riterrete/mo opportuno, noi continueremo per il meglio, an

che malgrado tali pareri.

Anche la produzione di questo 'Bollettino' e' stata piu' copiosa e regolare. Faremo ogni sforzo per migliorare il 'servizio' verso il Socio, dal quale comunque ci aspettiamo anche contributi di idee, segnalazioni, e disponibilita' ad operare, affinche' Bollettino ed Associazione siamo sentiti e vissuti sempre di piu' come propri.

Un'altra esigenza evidenziata piu' volte e' quella della conoscenza reciproca fra i Soci. Dopo lungo lavoro, sono ora in grado di fornire un elenco di tutti i Membri IFEA, con indirizzi e numeri telefonici; per cui (salvo espresso contrario avviso degli interessati) con un prossimo invio tutti receverete l'elenco, che vi permettera' di conoscere chi sono i vostri 'Compagni di viaggio' (forse piu' vicini di quello che immaginate) per attivare nuovi contatti, collaborazioni ed amicizie.

Sempre a disposizione, vi saluta il vostro

Romano BOLOGNESI



**DEZIRAS KORESPONDI:**

**- Andrzej SOCHACKI**
**M. Laugiewicza 15/25**
**28-200 STASZÓW (Pollando)**
**Polo 30jaraĝa, tekniko, edzo.**
**Li interesiĝas pri: paco, turismo, p.m., bk, lingvoj.**

---

FERVOJAJ MOVADNOVAĴOJ EL ĈINIO

Kolego LI SEN el Huhhota Fervoja Buroo en P.R. Ĉinio, skribis al ni por anonci ke dum la unua Kongreso de E-to en Kunming Yunnana Provinco ĉeestis multaj fervojistoj, kiuj profitis por interkontakti nome de respektivaj lokaj grupoj. La skribanto mem estis elektita por favori starigon de gruparo.

Celoj de tiu starigonta organizo estas interŝanĝi spertojn k. fervojajk. E-aj, krom plifortigi la rilatojn inter tutlandaj k. tutmondaj ferv.istoj samideanoj.

Lia adreso estas:
Li Sen
Huhehaote Tieluqu
Nei Monggu Ziahi Qu
Ĉinio

* * * *

MALKOVRO DE LA ''TAGLIATELLE''

La 'Tagliatelle' (nudeloj), specialaĵo de la Bologna-gastronomio, estis elpensitaj dum la jaro 1487 de Majstro ZAFFIRANO, hejma ĉef-kuiristo de Familio BENTIVOGLIO, tiutempe estroj de Bologna.

Ili aperis sur la tablo, la unuan fojon, okaze de la princaj nuptoj inter Annibale Bentivoglio kaj Lucrezia d'Este.

Ŝajnas ke la patro Bentivoglio minacis je maldungo la kuiriston se li ne honorus tiun grandegan geedziĝan feston per iu manĝaĵo tute nova, malsama

ol tiuj tradiciaj tiutempe.

Li sukcesis bonege. Ĉu ne?



Niaj eksterlandaj gekolegoj plendis pri la malfacila gustumado de la "nudeloj".

Tiu ĉi estas konsilinda sistemo!

ANEKDOTOJ EL POLLANDO

Ses aĝa Paŭlo, amata fileto de fama kaj konata tram-magistro el pollanda urbo, estas interesa ĉu ĉiuj fabeloj oni komenciĝas tiel same kiel aliaj.

- Panjo, ĉu ĉiuj fabeloj oni komenciĝas per frazo: Unufoje estis maljuna avo?

- Ne Paŭlo amata, Tre ofte via patro komencas la fabelon per vortoj: Mi havis gravan konferencon kaj mi ne povis hejmen-reveni por preni vespermanĝon.



Dommastrino en urbo Varsovio akceptis novan servistinon. Tiun saman tagon la dommastrino foriris viziti konatulojn.

Kiam vespere ŝi hejmen-revenis demandas la servistinon.

- Ĉu miaj infanoj jam dormas?
- Ĉu ili estis ĝentilaj?

- Sinjorino -respondas la servistino- jam je la oka horo vespere mi ilin enlitigis, nur se temas pri rufulo mi havis iom da klopodoj.

- Pri la rufulo? -miras la dommastrino- sed li estas mia edzo.







SALUTON, HOMOFRATO !

Plezuro de la vivo firme restas
l'amemaj vibroj de batanta koro;
de sin' al sino vera ĝuo festas:
en l' amikeco sidas ja trezoro.

Reflektas ĝi la lumon de l' animo
tra la ridetaj briloj de l'okulo,
bruladas ĉe l' profunda psik-intimo,
esprimas voĉon de l' homarpostulo.

Kunliga simpatio reciproka
forigas l' interhoman misan konon.
Aŭskultu l' eĥon de l' parolo voka,
akceptu de kunsento la proponon.

Amiko aŭ ankoraŭ nekonato,
mi vin salutas, kara homofrato !

Luigi Minnaja

Redaktoro:
Geo Climelli



Desegnistoj:
Sergio Tattini
Barbara Morara

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I. F. E. F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F. E. I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna ((Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE